# IREJO - Bulteno

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

N-ro : 16 oktobro 1996 Mehr 1375

## *Irana Esperanto-Asocio (IREA) fondita*



***Laûleĝe kaj plensukcese en Irano!***

## Adresoj



**سبز اندیشان**

شماره ثبت : ۹۰۸۵

کانون پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو

تهران ، صندوق پستی ۱۸۴-۱۷۷۶۵

● IREJO-Bulteno خبرنامه داخلی مؤسسه غیرانتفاعی سبزاندیشان است که به منظور اطلاع‌رسانی برای اعضاء منتشر می‌شود.

●مدیر مسئول : محمدرضا ترابی

● همکاران این شماره : دکتر زهرا کریمی، مهندس نازی صولت، دکتر کیهان صیادپور، غلامرضا آذرهوشنگ، م. فهمی، محمود میربزرگی، علی اصغر کوثری

---

## IREJO - Bulteno

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Kunlaboranto : Monire Fáhmi □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Kovrilo : Máhmud Mirbozorgi □Poŝta adreso : P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano □Tel&Fakso : (+98) 21 6626913 □E-poŝto : karimi@eco.atu.ac.ir ■

---

**Irana Esperantista Junulara Organizo - IREJO**

UEA kodo : irej-n, P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano

Fondita en 1372(1993), Landa sekcio de TEJO, Landa filio de ISAE

La Estraro de IREJO :

- ***Prezidanto***: M.Reza Torabi, (Eksteraj Rilatoj, Informado, Planado) p/a : IREJO
- ***Vicprezidantino*** : Fáriba Nuri Máĝd (Virinaj aferoj, Kunvenoj kaj Kunsidoj) p/a : IREJO
- ***Ĝenerala sekretario*** : Hámzeh Ŝáfii (Interasociaj Rilatoj, Pasporta Servo) p/a : P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano. Tel : (021) 4506503
- ***Kasisto*** : Ábbas Bagestani (Komputila Rondo) p/a : P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : (021) 6626913. E-poŝto : sanoorie@ce.sharif.ac.ir
- ***Komisiitoj*** :
- Ábdollah Hákim Neĵad (Universitataj aferoj) p/a : IREJO
- D-ro Keyhan Sayadpour (Azia agado) p/a : P.O.Kesto : 91375-3988, Máŝhád. Tel&Fakso : +98 51 649489

# Saluton!

به جهان خرم از آنم که جهان خرم از اوست عاشقم بر همه عالم که همه عالم از اوست

بسی خرسندم که با کمال افتخار آغاز فعالیتهای رسمی "کانون پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو" را به اطلاع شما برسانم. سرانجام فعالیتهای چندساله ما به بار نشست و گروهی از اسپرانتودانان پس از طی مراحل قانونی "کانون پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو" را بنیانگذاری کردند. امید آنکه آغاز فعالیتهای رسمی نوید بخش دورانی پرتحرک، سازنده و پویا برای معرفی، شناخت و گسترش زبان بین‌المللی اسپرانتو در جامعه ما ، آنچنانکه هست باشد و انجام پژوهش و کاربرد زبان اسپرانتو بدور از شیفتگی تب آلوده و یا پیش‌داوری بیمارگونه در محیطی متعادل و غیرمتشنج با برخوردی علمی توأم باشد.

اطلاع رسانی ، ایجاد بانک اطلاعات اسپرانتو، برگزاری دوره‌های گوناگون آموزشی، انجام پژوهش‌های اسپرانتو شناسی، ارائه مشاوره برای دانشجویان زبان اسپرانتو، بررسی جنبه‌های کاربردی زبان اسپرانتو، تهیه و انتشار کتابهای آموزشی و مرجع اسپرانتو زبان و . . . از جمله فعالیتهایی است که در کانون تلاش بر انجام آن داریم و در این زمینه تنها به شعار بسنده نشده است، بلکه در حد بضاعت خود عملاً در این زمینه‌ها گام برداشته‌ایم و امید آن داریم که در آینده به یاری اسپرانتودانان علاقمند و فرزانه بیش از پیش فعالیتهای خود را منسجم تر و گسترده‌تر کنیم.

"کانون پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو" متعلق به همه اسپرانتودانان علاقمند ایران می‌باشد و بدینوسیله از شما نیز درخواست می‌شود، چنانچه علاقمند به فعالیت در زمینه‌های فوق می‌باشید، همکاری خود را از ما دریغ نفرمایید. چنانچه خواهان عضویت و یا دریافت اطلاعات بیشتر در مورد کانون می‌باشید، خواهشمند است با نشانی تهران ، صندوق پستی ۱۸۴-۱۷۷۶۵ روابط عمومی مکاتبه نمایید، تا موارد درخواستی شما به آدرستان ارسال گردد.

با احترام

محمدرضا ترابی، مدیر عامل

*Enhavo :*

# Nova epoko en Irano

Aperis nova epoko en Irano, ĉar finfine ni sukceis oficialigi nian tutlandan Esperanto-Asocion kaj registris ĝin ĉe la ŝtato*. Tio estis ĉiam la plej granda deziro por ni, sed la vojo estis ege malglata, sennumbraj problemoj kaj malfacilaĵoj nin atendis. Tamen ni kredas, ke neniu invitas nin fari iun gravan, krom ke ni mem devas malgraŭ malhelpoj ne malmultaj sincere kaj senlace kolopodi por nia ĉefa celo. Do, ni prenis paŝon unu post la alia kaj malatentis la pesimistojn, kiuj ĉiam malkuraĝigis nin pro multaj kialoj.

Jam estas la tempo fiere diri : "Jen Irana Esperanto-Asocio(IREA)" ! sed ĉu finiĝis jam nia tasko? Kompreneble ne. Ja tiu estas la komenco de nia unua, tamen la grava paŝo en nia aktivado! Ni havas multajn por fari.

Esperanto-movado (en Irano) en diversaj kampoj postulas jam pluan, seriozan kaj pli grave la urĝan kampanjon en trejnado de studentoj kaj novaj aktivuloj amplekse, por antaŭenirigi la celojn jam de longe planizitaj.

Okaze de la fondo de nia Tut-landa Asocio, ni denove invitas ĉiujn samideanojn lasi la pasintaĵon (ĉu bonan aŭ malbonan), veni kaj helpi nin pri la komuna celo. Ni amike kaj speciale petas de niaj ĉiuj pioniroj, kiuj helpis nin aŭ malhelpis pro siaj propraj kialoj, tamen ĉiaokaze ni konfirmas la realon, ke sen ilia komenca agado, nia vojo ne povus esti glata kiel nun, do volu proksimiĝi al ni kaj helpi nin per viaj spertoj, konsiloj kaj gvidoj.

Esperanto ne estas privata entrepreno de iu aŭ aliulo kaj ne estas familia rondo. Esperanto apartenas al ĉiuj, kiuj volas pace, amike kaj senfanatike bone kompreni aliajn homojn kaj helpi ilin forpreni ĉiujn miskomprenojn inter si, kaj finfine Esperanto apartenas al ĉiuj, kiuj estimas la homajn rajtojn. Do, ni pretendas nenion. Ni estas preta aŭskulti ĉiajn proponojn, ideojn, kritikojn, kaj plenumi celojn kaj programojn, kiujn ĉiuj komune planas kaj decidas pri ili. Ni varme premas la manojn, kiuj etendiĝas al ni kaj pretas sincere helpi nian asocion. Do, proksimiĝu al nia (via) Asocio, membriĝu kaj aktive agadu!

Ni fondis kaj registris "IREA"n. Nun ni devas multmembrigi ĝin kaj prepari kondiĉon por elektado de ĝia estraro kaj agadi vaste.

Jes, aperis nova epoko de Esperanto movado en Irano kaj ni bezonas fortan " Landan Asocion"

*Azár Z.Kárimi*
*Ĉefdirektorino de IREA*

* pro malpermeso de nia ŝtato, uzi fremdajn vortojn por la nomoj de internaj Asocioj, ni devige elektis persan nomon "Sabz Andiŝan", kiu signifas verd-pensantoj. Sed ni klare registris ĝian celon "Uzado kaj disvastgado de Esperanto"

# Raporto pri IJK '96

Okazis la 52-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) de Esperanto de la 29-a de Julio ĝis la 5-a de aŭgusto 1996 en Guntersberge, Germanio.

Guntersberge estas urbeto meze de la harca montaro situanta en la federacia lando Saksio-Anhalto, parto de la eksa GDR.Vastaj arbaroj, belegaj pejzaĵoj kaj malgranda lago allogis ĉiujn partoprenantojn, proksimume 350 personojn el pli ol 350 landoj. La kogresejo estis komforta ripozejo apud la urbeto. Ĉio estis sufiĉe bona organizita; afero jam atendita de germanoj.

El Irano tri personoj partoprenis en la kongreso : mi, f-ino Tondravan Moradi kaj s-ro Kazemian. La kongreso malfermiĝis la 29-an de Julio posttagmeze, sed forta pluvo ĉesigis la inaŭguran ceremonion, do la reprezentantoj de la diversaj landoj ne sukcesis prezenti sin.

La temo de la kongreso estis formoj de kunvivado, sufiĉe vasta temo kiu estis pridiskutata dum ok prelegoj. Estis multaj programeroj, kelkaj estis seriozaj kiel la kursoj de la litova lingvo kaj Esperanto, diskutoj pri revizio de PIV, ktp. La amuzaj programeroj estis sportaj ludoj nomitaj Esperantolimpiko, biciklaj ekskursoj, migrado tra la arbaro ktp. Ĉiunoktmeze okazis literaturlego en gufujo.



... laû mia opinio IREJO bone funkcias kaj disvastigas Esperanton. Antaû kelkaj semajnoj mi aûdis de la E.sekcio de Aûstria radio internacia raporton pri la aktivadoj de IREJO en la kulturejoj de Tehrano. Tiam mi tre entuziasmiĝis kaj fieris pri IREJO. Ja IREJO dum sia tri jara ekzisto progresigis E-movadon en sia lando Irano. Ĉu ni povos imagi ke iam en la kulturejoj de Tehrano oni kunveni, instrui, lerni kaj disvastigi E-on? Ĉu ni imagis iam famaj E-gazetoj kiel TEJO-tutmonde kaj Heroldo de Esperanto eldoni raportojn pri E-movado en Irano? Ĉu ni imagis legi 15an numeron de Irana E-gazeto. t.e. IREJO-Bulteno? IREJO-Bulteno sendube estas honorinda por ni Irananoj. Ni jam havas E-gazeton kaj povas fiere respondi al niaj geleteramikoj : Jes en Irano eldoniĝas E-gazeto nome IREJO-Bulteno .... Kiam ili demandas min : Ĉu en via lando eldoniĝas E-gazeto?

La akiraĵoj de IREJO estas multaj kaj diversaj. Mi nek volas, nek povas nombri ĝiajn akiraĵojn. Unuvorte IREJO dum sia nur tri jara ekzisto vivigis E-movadon en Irano.

Krom multaj servoj de IREJO bedaûrinde kelkaj samideanoj! ne nur ne patronas ĝin, sed eĉ kontraûas ĝin kaj ĵetas ŝtonon sur la vojon. Esperanto havas multajn malamikojn ne nur en Irano, sed ankaû tra la mondo. La

---

Oni prezentis tri teatraĵojn dum la kongreso, unu de kroata teamo "Stilaj Ekzercoj", "Eta princo" de japana teamo kaj "Kia Koincido" de "Klava Kantistino". La 1-an de aûgusto okazis du ekskursoj, unu al la proksima urbo Quedlinburg kaj la alia al la fortikaĵo Kyffhausen.

Kiel kutime ankaû okazis komitatkunsido de TEJO dum la kongreso. En la kunsido konsistinta el tri sesioj mi partoprenis unue kiel anstataûanto de komitatano A por Irano, s-ro Bagestani. Diversaj flankoj de la agado de TEJO estis diskutata dum la kunsido pri kio certe oni raportos en TEJO tutmonde. Mi elektiĝis kiel komitatano C de TEJO por aktivadkampo de Azia agado. Estis ankaû kvin laborrondoj kun la jenaj temoj : kunlaboro inter landaj sekcioj, kongresa politiko, Eurokka, financo, kaj varbado de membroj kaj prestiĝo de TEJO. Mi partoprenis en la du unuaj rondoj. Mi esperas ke miaj spertoj dum la kunsido estu fruktodona por Irana E-movado.

Entute la kongreso refoje montris al la mondo ke Esperanto estas kaj kapablas pli vaste esti taûga komunikilo inter diverslandanoj en ĉiu kampo. Mi flanke de Iranaj Esperantistoj esprimas mian dankon al ĉiuj organizintoj de la kongreso

*D-ro Keyhan Sayadpour*

malamikoj de Esperanto en Irano pretendas ke Esperanto estas ligita al Bahaanoj kaj Cionistoj. Pro la manko de la informoj mi ne povas rifuzi aŭ akcepti ilian pretendon. Eblas ke Cionistoj kaj Bahaanoj uzas Esperanton. Sed ĉu "uzi" signifas ligi? Ili ambaŭ uzas Anglan, ĉu do la angla ligas al ili? Tiuj, kiuj diras ke E-o ligas al Bahaanoj kaj cionistoj sendube trovus konvinkan respondon, se ili turnus sin al la tria parto de la Deklaracio pri Esperanto, kiu en la jaro 1905 akceptiĝis dum la unua universala kongreso de Esperanto :

« Ĉar la aŭtoro de la lingvo Esperanto rifuzis unu fojon por ĉiam ĉiujn personajn rajtojn kaj privilegiojn rilate tiun lingvon, tial Esperanto restas NENIES propraĵo, sinsekve ĉiu rajtas uzadi la lingvon por ĉioj eblaj celoj. »

Se la malamikoj de Esperanto kontraŭas IREJOn kaj Esperanton, ne estas miriga kaj anormala. Sed anormala kaj surpriza estas ke iuj samlandanaj samideanoj! (aŭ pli bone "malsamideanoj") kontraŭas IREJOn kaj faras mensogojn kaj onidirojn. Mi ne scias kial ili opozicias? Mi kaj aliaj geesperantistoj atendas iliajn konvinkojn argumentojn, se ili vere estas sinceraj. Mi kiel aneto diras al tiuj samideanoj, kiuj kontraŭas IREJOn; se vi havas konvinkajn argumentojn por kontraŭi IREJOn, do alportu viajn pruvojn, por ke ni ankaŭ informiĝu. Kaj se vi senargumente kontraŭas, forigu diablon kaj amike premu la manojn de viaj aliajn samideanoj. IREJO estas tre juna kaj meritos ni ĉiuj afable patroni ĝin. Ni necesas unuiĝon por disvastigi nian komunan kaj saman ideon. Ni ne forgesu, ke ni estas "samideanoj".

Kiam mi legis la ĉefartikolon de la 15a numero de IREJO-Bulteno, unue mi tre miris kaj surprizis. Mi ne povis -kaj eĉ nun ne povas- kredi ke iuj samlandanaj samideanoj kontraŭas la plej aktivan E-organizon en Irano. Ĉu ili ne vidas la servojn kaj akiraĵojn de IREJO?

Due mi kore bedaŭriĝis. Ja la artikolo estis kortuŝa por ĉiu vera E-isto. Kion pensas eksterlandanaj samideanoj aŭ samlandanaj neesperantistoj pri geesperantaro de Irano? Mi ne scias.

La paco estu al tiu, kiu sekvas la gvidadon.

*Áli Ásgár Kosári - Kángavár*

**Atentu!**

*La adreso de Keyhan Sayadpour IREJO-komisiito pri Azia agado :*
***Poŝte** : P.O.Kesto : 91375-3988, Máŝhád. **Tel&Fakso** : +98 51 649489*
***Rete** : karimi@eco.atu.ac.ir*

Finfine post la solviĝo de serioza problemo kiun mi havis pri la transir vizo tra Aŭstrio, mi sukcesis flugi al Praha, la bela, bon-humor-popola kaj vidindaĵplena ĉefurbo de Ĉeĥio, kaj ĝojis viziti miajn malnovajn geamikojn kaj ankaŭ trovi novajn bonajn geamikojn.

Helpe de gvidanto esperantista en flughaveno mi facile trovis la kongresejon, kie estis la granda kultura centro de Praha. Sed kion fari pri la amasloĝejo, kiun mi rezervis antaŭe. Helpo de respondeculo ĉe la budo de TEJO ne efikis, kaj ankaŭ ne ekzistis mapo klarigita por facile atingi tien. Bonŝace mi kaj alia rusa serĉantino ekvizitis du aliajn bonŝancajn kongresanojn kiuj eble helpe de aliaj bonŝanculoj, sciis la lokon de amasloĝejo, kaj ni sukcesis trovi niajn loĝejojn. Ho, ve! Kiom da ŝancoj devas trafi la kongresanojn! La kotizo de amasloĝejo estis malmulta, kompare kun aliaj, sed kion fari pri malvarma akvo dum sep tagoj!?

Tamen ne gravis! Mia amiko helpis min trovi bone organizitan grupon hungaran kun tre kapabla organizantino kiu helpis min trovi alian loĝejon plibon-kondiĉan kaj ankaŭ pli malmultekostan! Denove ali bonŝanco!

Ekis iu demando : eble LKK-anoj devis demandi helpon de tiu grupo por provizi pli bonan kunvenan kaj ankaŭ malmultekostan loĝejon por partoprenantoj kiel mi kiuj ne povas pagi multe da mono por ĉi tiaj vojaĝoj. Eble venont foje (ĉu post 15 jaroj!?) ili farus tion!

Post la solviĝo de unuapaŝaj problemoj, mi klopodis partopreni en diversaj programoj de la kongreso kiuj estis bone organizitaj. Ĉirkaŭ 3000 personoj el 66 landoj partoprenis en UK kaj ĉirkaŭ 66 lingvojn mi povis aŭdi kiam mi promenis en kongresejo por trovi la lokon kiun mi deziris!!

Tamen mi ĝuis la programojn kaj bedaŭris pri la rondoj en kiuj mi ne povis partopreni, kiel Azia agado, TEĴA seminario, ....

Ŝajnis ke la movado sekvas pli fortajn paŝojn. Gastigi kelkajn politikistojn el diversaj landoj kaj samptempe okaziĝo de "Nitobe simpozio" pri la lingvopolitiko kaj lingvaj problemoj en internaciaj interrilatoj, laŭ mi, estis nova agado, kaj mesaĝo de partoprenantoj neesperantistaj. Post la kongreso, montriĝis ke pordo-malfermo de kongreso al neesperantistoj havas pli bonan efikon.

La rezulto de diskutado pri la ĉefa temo de la kongreso, kiu estis " kulturo, valoro aŭ varo", interesis min. Jes, kulturo devas esti varo, sed ne malaltkvalita kaj "komercebleco ne rajtas superi arton." Kaj mi diras ke ankaŭ politiko ne devas superi kaj gvidi arton!

Esperante pli sukcesan, fruktodonan kongresojn venontajn, mi deziras al ĉiuj pli efektivan partoprenon en kunvenoj celante pacon kaj amikecon tra disvastigo de Esperanto.

*N. Solát Aŭgusto 1996*

## Laŭleĝe aŭ sukcese?

En la internacia movada gazeto "Eventoj" (n-ro 0106) antaŭ nelonge aperis artikolo pri la E-movado en Irano. Kelkaj informoj estas neperfektaj, tamen entute la artikolo estas pripensinda kaj interesa. Do mi decidis reaperigi ĝin en la bulteno por informo de niaj gesamideanoj. La Red.

En Irano ne ekzistas landa E-organizo. Ekzistas komitato(?,komisiono?) nomata "Esperanto-Irano" mll. MHSZ, aprobita de ŝtataj instancoj, kaj ekzistas pli ol 10 UEA-delegitoj.

Antaŭ iom pli ol 1 jaro aperis la ĝermoj de junulara grupiĝo, kiu ne kontentis pri la situacio (manko de movada vivo) kaj iniciatis komunan agadon. Ili fondis grupiĝon IREJO, kiu iĝis landa sekcio de TEJO kaj landa filio de ISAE.

Post la sukcesaj E-kursoj en Ĥaváran kulturcentro E-o estas prezentata ankaŭ en "Báhmán kulturejo" fama kulturcentro en Irano. "La kultura kaj scienca asocio de junularao" aligita al Báhmán kulturejo havas ne oficialan tamen plenan kunlaboron kun IREJO.

IREJO regule eldonas sian dumonatan bultenon (jam 13) per kiu lerte kaj trafe ligas la E-parolantojn al la movado, prezentas diversajn movadajn instancojn, servojn kaj rolas kiel interna informilo.

IREJO bone plenumas la movadajn taskojn, tamen ĝi ne estas oficiala organizo (simila situacio kiel siatempe SEJM en Sovetunio - ndlr). La organizantoj konscias pri ĝi kaj klopodas registri ĝin ĉe la ŝtato, eĉ faris la unuajn paŝojn por leĝe fondi Iranan E-asocion IREA, - kio tamen ne estas simpla afero en Irano. Sed ilia agado rezultas ankaŭ alitipajn problemojn. Ilia apero en la internacia scenejo (ekz. Kiel dezirata stato de UEA-delegito) faras seriozajn zorgojn al la ĝisnunaj struktureroj. MHSZ ("Esperanto en Irano") skribas :

" Mi ne rekomendis lin (la ĉeforganizanto-ndlr) al UEA (kiam li tute neĝentile malakceptis la regularon de "E-o en Irano" kaj la vojon, kiun ĉiuj aliaj delegitoj jam pasigis por atingi tiun titolon) unue pro politikaj kialoj. Neniu konas lin kaj liajn intencojn. Li povas eĉ senkonscie aŭ intence fari aferojn je la nomo de UEA aŭ de Irano-Esperanto, kiuj povas facile endanĝerigi ne nur la movadon sed eĉ la vivojn de la homoj. Kial vi ne petis (kiel mi jam skribis) de li : sendu al vi la oficiale tradukitan registriĝon de lia t.n Junulara Asocio?- vi ne povas imagi, kiom sensitivaj estas niaj revoluciaj instancoj pri ĝuste tiuj du vortoj. Se li ne havus la ŝtatan permeson ĉi tie (kiel delegito - ndlr), ni havos tribunalan problemon. Ĉar MHSZ, preskaŭ antaŭ 15 jaroj, devige kaj skribe akceptis informi revoluciajn instancojn pri ĉia ajn devojiĝo, senpermesa asocio eĉ laboro pri Esperanto en la lando Irano. Se ĝi (MHSZ) ne povus garantii personon (kies nomo venas en Jarlibron) politike, religie kaj morale, ĝi devas tuj informi ilin. Tiel, kaj ĝuste tial oni permesis al ni aktivi por E-o kaj aperigi librojn en Esperanto. ... Oni respondecigis MHSZ, kiun la ŝtato kaj la funkciuloj bone konas..." *Malfacila problemo.* *L.S.*

Tre karaj geamikoj,

Koran dankon pro via letero de 8.8.1996. kiu agrable surprizis nin. Ankaŭ ni ege ĝojas ke ni sukcesis starigi rilatojn, ĉar dum la lastaj kvar jaroj apenaŭ tion eblis. Nia lando kaj ni ĉiuj travivis brutalegan agreson direktita unuavice kontraŭ Bosnia ŝtato, Bosna popolo kaj islama elemento en ĝi. Sed dank al heroeco de Bosna popolo kaj la graco de **Allah** la agreso malsukcesis. Nun ni vivas en paco kaj troviĝas antaŭ grandaj rekonstruaj projektoj de la pro milito detruita lando. Ni certas ke ankaŭ tiun taskon kun subteno de la mondo la Bosna popolo plenumos kun entuziasmo kaj sukceso.

Ni tute bone scias ke nia rezisto, batalo kaj nun la rekonstruo havis gravan helpon de la Irana popolo. Ni esprimas pere de vi nian dankon al la Irana popolo pro frataj kunsentoj kaj amika subteno en la plej malfacilaj tempoj de nia moderna historio.

La E-movado en Bosnio havas longan tradicion. Antaŭ la milito nia organizaĵo estis unu el la plej fortaj en Balkanio. Funkciis pli ol 50 aktivaj kluboj kun dek mil membroj (apogantoj). Ni organizis de 1975-91, 17 junularajn renkontiĝojn, 5 junularajn labortendarojn, 14 somerajn E-lernejojn (10-tagoj), 7 infanajn lernejojn, dekojn da studentaj, novjaraj kaj aliaj renkontiĝoj. Ni organizis plurajn internaciajn aranĝojn (TEJO-kongreso, IJBE-kongreso, IFES, seminariojn pri junularaj kooperativoj kaj infanoj) kaj sciencajn kunvenojn. Ni eldonis 30 librojn el Bosnia beletro, interlingvistiko, lernolibrojn kaj broŝurojn. Eĉ dum la milito ni aktivis kaj lanĉis en 1994-95 per Radio-Sarajevo la elsendojn "Esperanto el Sarajevo". Ĉar ankaŭ la movado travivis gravajn homajn kaj materiajn perdojn, ni nun formulas propran programon de rekonstruo kies skizon ni povus liveri ankaŭ al via asocio por eventuala konsidero.

Ĝis nia nova kontakto, ni kore salutas vin kaj deziras sukcesplenan agadon. Selamon!

*Senad Colie, prezidanto de Esperanto-ligo de Bosnio kaj Hercegovino*

---

*Ĝenerala sekretario edziĝita!*

*Hámzeh Ŝáfii kaj f-ino M.Esmaili festis siajn geedziĝfeston je la dato : 12 05 1375 (2.8.96) en Káráĝo. Gratuldirante la geedziĝfeston ni esperas eternan feliĉecon al la nova paro.*

*IREJO-estraro*




## 16 - NOMBROJ KAJ KALKULOJ

1. UNU
2. DU
3. TRI
4. KVAR
5. KVIN
6. SES
7. SEP
8. OK
9. NAŬ
10. DEK
11. NUL
12. CENT
13. MIL
14. + OK PLUS DU
15. − NAŬ MINUS TRI
16. : OK DIVIDITE PER KVAR
17. X KVINOBLE KVIN
18. = ESTAS = EGALAS
19. -OBLA DUOBLA GLASO
20. -OPE PROMENI DUOPE

FRAKCIOJ (21-23)

21. -ONO DUONO
22. -ONO TRIONO
23. -ONO SESONO
24. PO PRENU PO DU DOLĈAĴOJN
25. KOLOROJ DE LA TRI KATOJ:
26. UNUA LA UNUA ESTAS NIGRA
27. DUA LA DUA ESTAS GRIZA
28. TRIA LA TRIA ESTAS BLANKA

## Rumanaj E-istoj en Irano

Je la 4a de aûgusto (14a de mordado) IREJO gastigis du Rumanajn samideanojn, kiuj laû la invito de s-ro Golamreza Azárhuŝáng vojaĝis al Irano por viziti nian landon kaj kompari la realaĵon pri nia vivo kaj kulturo kun la negativaj propagandoj de okcidentaj landoj (ĉefe Usono).

S-ro Ŝtefan Mihai prezidanto de fervojista Esperanto-Asocio kaj s-ro Sorin Porupka sekretario pri eksterlanda korespondado akceptis inviton de IREJO kaj venis al Báhmán kulturejo (sidejo de IREJO) por renkontiĝi kun IREJOanoj. Ili varme estis akceptitaj, kaj S-ro M.Reza Torabi, prezidanto de IREJO unue bonvenigis ilin kaj poste iom raportis pri siaj agadoj kaj celoj. Poste ĉiuj ĉeestantoj prezentis sin. S-ro Ŝtefan Mihai nome de sia Asocio diris kelkajn salutvortojn kaj interesiĝis pri kunlaborado inter Rumanaj kaj Iranaj junularaj Esperantistoj. Li proponis aranĝi vojaĝojn (sole aû grupe) inter Esperantistoj de du landoj. Amikeco kaj konatiĝo kun kulturaj kaj vivmanieroj de du landoj povus esti la celo de tiu ĉi propono. Interesantoj interŝanĝis tuj adresojn kaj bezonatajn informojn. S-ro Sorin porupka promesis disdoni la adresarojn inter Rumanaj junularoj Esperantistaj, kaj menciis, ke li estas preta por sendi oficialajn invitilojn por dezirantoj. Ili post la komunaj fotoj, ankaû vizitis la ekspozicion de turismaj aferoj, kiu estis aranĝita en Báhmán kulturejo kaj konatiĝis kun "Gáŝgai" kulturo (partoj de nia popolo) kaj iliaj produktaĵoj.

Estas menciinde, ke S-ro Ŝtefan Mihai ankaû vizitis artgalerion de fama Irana pentristo, kaj Esperantisto, s-ro Morteza Habibpur,. S-ro Ŝtefan intresiĝis pri liaj pentraĵoj kaj invitis lin por vojaĝi al Rumanio kaj aranĝi tie sian artan ekspozicion. Li ankaû promesis konatigi Rumanajn pentristojn kun li por la interŝanĝo de ideoj kaj spertoj. S-ro Habibpur reciproke invitis Rumanajn pentristojn al Irano.

Laû mi Rumanaj gastoj havis bonan impreson pri sia vizito. Ankaû ilia vojaĝo estis bona memoro por niaj junuloj. Ni esperas daûran amikecon inter Iranaj kaj Rumanaj Esperantistoj.

*Golamreza Azárhuŝáng*

---

*Elstara samideanino forpasis*

*S-ino Ada Fighiera-Sikorska la direktorino de la plej fama E-gazeto "Heroldo de Esperanto" forpasis. Irana esperantistaro simpatias kun ŝia familio kaj ŝia amikaro. Ŝiaj plenvaloraj aktivadoj en kultura kampo de E-movado neforgeseblas.*

*IREJO-estraro*

### La unua E-instituto registrita en Irano

"Sabz Andishan" estas instituto kiun registrigis IREJO-aktivuloj kiel la unua E-instituto en Irano.

Pasintjare por fondi IREA(Irana Esperanto-Asocio), kiam oni turnis sin al la ministrio pri enlandaj aferoj, tie la oficistoj proponis al la Esperantistoj ke indas oni komence registrigi E-instituton kaj post la brukrataĵoj oficiale peti la fondo-permeson de E-asocio de la ministrio. Laŭ la konsilio oni preparis la bezonitajn dokumentojn kaj finfine je la dato 24 05 1375 (14 08 1996) instituto "Sabz Andishan" registriĝis je la numero : 9085 ĉe la administracio pri la registrigo de la neprofitemaj institutoj de Tehrano. La dua paŝo estas registrigo de IREA ĉe la registaro.

### Trans limoj pentrante

S-ro Párviz M.Hábibpur pentristo, kiu antaŭ du jaroj eklernis E-on, jam prezentas sian arton pere de la verda lingvo. Liaj verkoj publikiĝis en E-periodaĵoj kiel "la verda kolombo" kaj ĉi jara kongresa ĵurnalo en Prago. S-ro Hábibpur estas IREJO-subtenanto , kaj ege kunhelpas ties agadojn, antaŭ nelonge eksterlandaj esperantistoj petis lin aranĝi ekspozicion de liaj verkaĵoj en Rumanio kaj Pollando.

### Ettela'at-e-elmi prezentas Esperanton

La monata gazeto Ettela'at-e-elmi (sciencaj informoj) aperigis tri paĝan artikolon pri la internacia lingvo Esperanto en sia julia numero (203) kaj du paĝan de M.Reza Torabi pri la Esperanto en la aŭgusta numero(204). La redaktorino de la ĵurnalo invitis M.Reza Torabi al la kunlaborado pri la temo internacia lingvo, ĉar la redakcion bombardis ne antaŭvidebla aron da leteroj de legantoj kiuj postulis pluajn kaj detalajn informojn pri Esperanto.

### Iranoj rekorde partoprenis en UK '96

Ĉi jara Universala Kongreso (UK) de Esperanto okazis en Prago Ĉeĥio kaj el Iranoj dek ses geesperantistoj, 5 inoj kaj 11 viroj partoprenis la kongreson.

### IREJO reprezentanto en la 52-a IJK

D-ro Keyhan Sayadpour IREJO-membro reprezentis ĝin kiel la anstataŭanta A-komitatano. D-ro Sayadpour kiel plenrajta IREJO-reprezentanto aktive partoprenis en la TEJO komitat-kunsidoj. D-ro Sayadpour ekde 1992 ĝis 1994 estis TEJO B-komitatano.

### *3-a ĝenerala diskutado pri E-o en Báhmán-kulturejo*

Marde la 1-an de Julio 1996 (11.4.75) IREJO okazigis la 3-an ĝeneralan diskutadon pri la internacia lingvo de E-o. Pli ol 80 personoj, la pli multo gestudentoj ĉeestis la kunsidon en kiu prelegis M.Reza Torabi kaj A.Hákimneĵad. la kunsido estis anoncita flanke de diversaj ĵurnaloj inter ili "Hámŝáhri"(samurbano) pli ol 305,000 ekz.

### *TEJO havas 3 Iranajn Komitatanojn*

Tutmonda Esperantista Junulara Organizo-TEJO pli tutmondiĝas. La Eŭropeco de TEJO dum la lastaj jaroj iom jam malpliiĝis, ĉar alikontinentanoj en TEJO-kampo laste pli aktivas.

En marto M.Reza Torabi elektiĝis flanke de la individuaj TEJO-membroj kiel B-komitatano kaj Ábbas Bagestani estis nomita de IREJO kiel la A-komitatano. La Tria komitatano el Irano estas Keyhan Sayadpour kiu dum komitatkunsido en IJK elektiĝis kiel C-komitatano.

### *IREJO, tri jara !*

Marde la 15an de Julio 1996 (25.4.75) estis aranĝita simpla kunveno okaze la 3-a datreveno de IREJO-fondiĝo. 21 gesamideanoj kunvenis en la ceremonio kaj pridiskutis la atingojn de IREJO dum ĝia ekzisto.

La faritaj kontraŭagoj kaj onidiroj flanke " la grandulo" estis ĉefa diskuto, oni decidis pluan aktivadon responde la faritajn kontraŭagojn. La plej bona respondo al la mensogantoj estas vera aktivado kiun oni nuntempo faras en IREJO-kadro.

### *UEA ĉefdelegitino eksiĝita*

Finfine UEA-estraro faris novan decidon pri la ĉefdelegitoj . Ekde 1996 UEA nomumas tiujn kiel ĉefdelegitoj kiuj estas prezentitaj de siaj landaj E-asocioj.

Ĉar en Irano ne ekzistis nacia E-asocio, do s-ino Ĵila Sedigi estis eksiĝita kiel UEA ĉefdelegito de Irano.

La taskon pri la ĉefdelegiteco prenis mem la ĝenerala direktoro de UEA.

### *Pasporta servo 96/97 eldonita*

Aperis Pasporta Servo de TEJO post unu jara prokrasto. La membroj de IREJO ĝin povas ekhavi kun favora rabato. IREJO kiel landa organizanto de Pasporta Servo celas multigi la gastigantojn en Irano, bonvolu interesantoj sin turni al Hámzeh Ŝáfii la respondeculo de IREJO pri Pasporta Servo.

## Persa oficiala informilo



**سبز اندیشان**

مدیر عامل : محمدرضا ترابی

شماره ثبت : ۹۰۸۵

کانون پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو

**هیئت مدیران :** ●رئیس هیئت مدیران : زهرا کریمی موغاری ● مدیر آموزش و پژوهش : عبدالله حکیم نژاد● مدیر اطلاعات و انفورماتیک : عباس باغستانی ● مدیر روابط عمومی : حمزه شفیعی ● مدیر امور مالی : عباسعلی خسروآبادی ● مدیر ناظر : فریبا نوری مجد

**هدفها :** ● پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو در زمینه‌های علمی و فرهنگی ●برگزاری دوره‌های آموزشی و انجام مطالعات اسپرانتو شناسی ● انتشار نوارها و کتابهای آموزشی و کمک آموزشی اسپرانتو ● ایجاد بانک اطلاعات اسپرانتو و ارائه مشاوره به دانشجویانی که پایان نامه آنها در رابطه با زبان بین‌المللی اسپرانتو می‌باشد.

**عضویت :** ● هر کسی که زبان بین‌المللی اسپرانتو را بداند و بدان بنویسد و بخواند با پرداخت حق عضویت سالانه می‌تواند عضو کانون شود.

**فراخوان همگانی :** ● از همه پژوهشگران، اندیشمندان، دانشجویان و علاقه‌مندان به زبان بین‌المللی اسپرانتو دعوت به همکاری می‌شود.

---

### *Lasta novaĵo!*

*(mal)esperantistoj minacas IREJO-aktivadon.*




La direktoro : nove reprove, ĉiam denove! . . .

منتشر شد :

*Konversacia Vortareto*

واژه‌نامه مکالمات روزمره اسپرانتو به اسپرانتو

کتابی بسیار مفید برای دانشجویان زبان اسپرانتو و برای علاقه‌مندانی که می‌خواهند با روش آموزش Ĉe آشنا شوند.

آنچه تاکنون از سری کتابهای آموزشی منتشر کرده‌ایم :

۱.فرهنگ آسان، اسپرانتو-فارسی برای نوآموزان ، بهاء : ۱۵۰۰ ریال

۲.آموزش زبان بین‌المللی اسپرانتو در ۱۰ درس، بهاء : ۵۰۰۰ ریال

۳.گزیده مفاهیم دستوری اسپرانتو ( به زبان اسپرانتو)، بهاء : ۲۸۰۰ ریال

۴.ضمیمه *P.I.V* ، بهاء : ۳۰۰۰ ریال

*Baldaŭ aperos:*

Verda Voĉo

*La duon-jara songazeto de IREJO!*
*La voĉo de Iranaj geesperantistoj!*
*Raportoj, intervjuoj kaj amikaj mesaĝoj!*

Verda Voĉo

*Esperanta songazeto el Irano!*

## Esperanto-ekskursoj lanĉitaj

IREJO lanĉis E-ekskursojn kaj jam la unua okaziĝis vendrede la 6an de Mehr 1375 (27 09 1996) en Fáŝám proksime de Tehrano. Al la ekskurso aliĝis 35 geesperantistaj infanoj, junuloj, maljunuloj kaj geedzaj paroj. La entuziasmo de la partoprenintoj kaŭzis ke oni planigi similajn ekskursojn ĉiumonate kun riĉaj programoj. La ekskursgvidantino estas f-ino Nazi Solát kaj la prizorganto estas s-ro Ábbas Bagestani. Laŭ eble oni planas okazigi ekskursojn en malsamaj lokoj kaj ĉiaj proponoj ĉirilate estas bonvenaj. Se ankaŭ vin interesas la ekskurso, se ankaŭ vi deziras sperti Esperantan atmosferon kaj konatiĝi kun la aliaj geesperantistoj, ne hezitu aliĝi al ĝi!

La detalaj informoj ĉe : 6626913